JARO XIV, Sofia—Bulgario
oktobro—decembro 1970, № 4

# INTERNACIA



# ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

Vladislav Jisi

## LA GRAFIKISTA GAZETARARANĜO — AMO KAJ ARTO

De tiam forpasis pli ol dudek jaroj, tamen ankaŭ ĝis nun mi memoras la tagon, kiam oni alvokis min en la kabineto de la redaktoro, kaj diris al mi: „Ĉi vespere vi devas aranĝi la numeron de „Junulara fronto". Tio efikis al mi kiel malvarma duŝo, ĉar mi havis nek konon, nek sperton pri tio. La unuunura helpo por mi en tiu ĉi tago estis la jena konsilo de la ĉefkompostisto: „Ĝis naŭa horo sendu por kompostado ĉiujn materialojn, ĉirkaŭ la naŭa — bremsu kaj post deka horo ŝanĝu unu fragmenton per alia!"

Tiutempe literaturo pri grafikista gazetaranĝo ne estis trovebla. Mi lernis ĉe miaj kolegoj — miaj samaĝuloj, tre malavaraj kiel konsilantoj. Poste aperis multe da libroj pri la grafikista aranĝo de la periodaj ĵurnaloj, en kiuj mi volis trovi respondon al la neklaraj por mi demandoj, kaj mi komparis mian sperton kun la priskribitaj en la libroj.

Nenia artikolo el tiu ĉi teknika ĝenro liveris al mi tian plezuron kaj ĝojon, kiel la libro de Allen Hud „Grafikista aranĝo de la gazetoj" (Allen Hood, New design, Oxford University Press, London 1967). En tiu ĉi libro, brile aranĝita kaj de si mem vekanta grandan intereson kaj simpation, estas prezentita la riĉa sperto de homo, sperto kolektita en daŭro de kelkjardeka laboro.

Pasintan jaron en Londono aperis la dua eldono de la sama verko, la unua aperis antaŭ sep jaroj. Do, se ni devas esti ĝustaj, ni devas diri, ke la libro ekzistas ne de sep jaroj, sed de tridek. Jes, la verko de Allen Hud respegulas tridekjaran historion, lian laboron, lian sperton.

En negranda artikolo oni povas nur koncize pristudi kelke da momentoj en la verko kaj speciale: presado kaj gazetaranĝo — parolas Hud — tio estas nur helprimedoj de l'ĵurnalista praktiko. La ĵurnalistiko estas kaj restas la plej grava afero. Malbona demonstro de bona materialo malaltigas ĝian efikon. Unuagrada enhavo bezonas unuagradan formon (teknikan aranĝon). La unueco de formo kaj enhavo estas la baza problemo en la kreado de la ĵurnalo.

En sia verko Allen Hud revenas multfoje al tiuj ĉi pensoj. Samtempe la aŭtoro skribas pri la graveco de la gusto, de la elpensaĵoj kaj variaĵoj en la grafikista aranĝo de la gazeto, kontribuantaj pri ĝia alloga por la legantoj aspekto. Hud batalas por utiligado de la kontrastoj kaj samtempe alarmas kontraŭ la senmezura misuzo de la majuskloj. La akurata gazetaranĝo, substrekas la aŭtoro, estas konscia profitado de la litertipoj, mezursento en la utiligado de ĉiuj rimedoj por grafikista aranĝo. Ofte „la riĉa" aranĝo, avertas Hud, transformiĝas en krudan gustomankon.

Hud avertas, ke pri la aranĝo de la gazeta kolumno oni devas memori simplan, sed gravan detalon: pri „la limo" aŭ „ la aero", pri tio, ke inter la titoloj kaj subtitoloj, inter la novaj linioj oni devas prizorgi

nepre la necesan interspacon. Legante la verkon de Hud, oni pretervole memoras kiom da aŭtoroj avide lasas ĉiun sian frazon en la originalo, pretaj forigi tutajn liniojn dum la kompostado, se ili mallarĝigas la interspacojn inter la novaj linioj. Ĝuste la novaj linioj, nome la interspacoj inter ili, helpas al la leganto percepti la materialon kaj plifaciligas la lernoprocedon.

Alia prudenta opinio: pli grava estas ne la verkkapablo, sed la kapablo pri koncizigo, pri mallongigo. Propramane, propran tekston precipe.

Hud skribas ankaŭ pri tio, ke oni devas konsideri la gazetpaĝon kiel horizontale (avantaĝo de la titoloj), tiel ankaŭ vertikale (avantaĝo de la kompostado, de la kolumnoj, de la aerkampoj, interspacoj inter ili aŭ inter linietoj). La paĝon oni devas konsideri kiel unu tutaĵon, kies supra parto ĉiam portas grandan sencan enhavon. La paĝo devas esti ortangula. Oni devas bone memori tion por eviti grafikistajn kapturniĝojn.

La konsilon de Hud „ne celu bonaspekton" oni devas rimarkigi per majuskloj. El la plej belaj litertipoj, asertas la aŭtoro de la verko, oni povas aranĝi „teruraspektan gazetpaĝon" kaj inverse, el mezvaloraj, tamen lerte uzitaj, oni povas prezenti aspektindan paĝon.

La tuta ĵurnalo devas havi propran fizionomion ankaŭ en la plano de la grafikista aranĝo, kiun oni devas konstante plibonigi. Se ĝi mankas, tio signifas, ke la redakcio konfesas sian sentaŭgecon.

En apartaj ĉapitroj de sia verko Allen Hud pristudas la historion de la grafikista arto en la angla poligrafio dum la lastaj 35 jaroj kaj skribas pri la tekniko de la gazeta produktado, pri la problemoj de la kompostista tekniko, titoloj, bindaĵo, laboro per ilustraĵoj ktp.

En unu el la ĉapitroj Hud rakontas pri la monda praktiko koncerne la grafikistan gazetaranĝon kaj donas multe da ekzemploj el la fremdlandaj eldonaĵoj. La karakteriza titolo de la ĉapitro estas: „Diversaj landoj — diversaj stiloj".

Ĉiuj dekkvin ĉapitroj de la libro enhavas multajn ekzemplojn, ilustraĵojn, modelojn de litertipoj ktp. La lasta ĉapitro estas dediĉita al meditado pri la estonta arto de la grafikista gazetaranĝo.

. . . La amerikaj ĵurnalistoj maltrankvile pensas pri la „generacio da spektantoj kaj aŭskultantoj", kiuj plimalvastigas la „legantan generacion". La amerikaj ĵurnalistoj utiligas variajn artifikaĵojn allogi al si almenaŭ la „tunaĝerojn" kaj planti en ili kutimojn por legado de gazetoj.

A. Hud ne agnoskas similan danĝeron. Li kredas en la estonta gazeto, tiel same en la aliaj rimedoj de la amasa informado, kondiĉe, ke la gazetoproduktado utiligos la novan teknikon.

En ĉapitro, dediĉita al tiu ĉi problemo, Hud denove ripetas la penson, kiun li multfoje eldiras en sia libro: La bazo de la nuntempa aranĝo estas — kaj estos — la simpleco. Ĝenerale temas pri tio, ke la informo, kiun oni disponigas al la leganto, devas esti klara, sen kiaj ajn superfluaj ornamaĵoj, kiuj malhelpus la leganton tuj kompreni la sencon de la esprimita penso.

En la verko de A. Hud estas proksimume ducent ilustraĵoj. Negranda glosaro en ĝi donas tipografiajn terminojn kaj ĵargonajn esprimojn, plej ofte uzataj en Anglio en publikaĵoj pri ĵurnalistiko.

Esperantigis: P. N. Prodanov

---

## LIVEREBALJ MATERIALOJ DE LA VIENA MUZEO

Laŭ interkonsento, pere de Aŭstria Nacia Biblioteko (Österreichische Nationalbibliothek, Josefplatz i, A - 1014 Wien) la Internacia Esperano-Muzeo en Vieno pruntedonas librojn kaj jarkolektojn de gazetoj al eŭropaj esperantistoj. Ili povas ricevi la materialojn en iu granda publika biblioteko en sia urbo, mendante la presaĵojn el la muzea biblioteko pere de Aŭstria Nacia Biblioteko. Oni tamen devas skribi sur la mendilo, ke la verko troviĝas en Internacia Esperanto-Muzeo (Internationales Esperanto-Muzeum) en Vieno.

### Nova konkurso de la Pola Radio

La Pola Radio kaj Pola Ĉambro por la eksterlanda komerco anoncas novan konkurson kun premioj. La konkurso tuŝas demandojn pri la pola komerco kun fremdlando. Ĉar la limdato de la konkurso estas la fino de decembro kiam aperas tiu ĉi 4-a n-ro de „I. Ĵ.", ni ne aperigas la konkurskondiĉojn

## NIA ĈEFREDAKTORO — 60-JARA!

### Pli ol 40-jaroj poresperanta, socia kaj ĵurnalista agado



Iom nekredeble estas konsenti kun tiu fakto ke li jam estas 60-jaraĝa, vidante, ke li ankoraŭ aspektas juna kiel laŭvizaĝe, tiel ankaŭ laŭkore. Ciam vigla, agema, entreprenema, iniciatema kaj kritikema, tamen bonkora — jen tia estas de sia junaĝo kaj ankaŭ nun nia kara jubileulo — la ĉefredaktoro de nia organo „Internacia Ĵurnalisto" kaj sekretario de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio — Ivan Keremidĉiev-Esperov.

Ivan Esperov esperantistiĝis ankoraŭ juna kiel 14-jara lernanto, antaŭ pli ol 45 jaroj Ekde tiam li komencis interkorespondadi kun esperantistoj kaj labori inter la junuloj kaj maljunuloj por Esperanto. Paralele kun la propagando de la Internacia Lingvo li montris sin kiel aktivan sociaganton kaj batalanton kontraŭ la faŝismo kaj maljusteco, batalanton por interpopola kompreniĝo kaj paco. Pro tiu sia agado antaŭ la milito li estis konstante persekutita.

Kiel studento en 1932 li fariĝas redaktoro de la E-gazeto „Meĵdunaroden rabselkor" („Internacia laboristkamparana korespondanto") eldonata en bulgara lingvo kaj de la organiza B u l t e n o de BLEA. Antaŭ la Dua mondmilito kaj iom post ĝia komenco Iv. Esperov estas redaktoro de Esperanto-paĝoj en la centraj ĉiutagaj gazetoj „Nova Kambana" kaj „Zarja", redaktoro de esperantaj libroj, kolektokalendareto novjara, de aliaj libroj kaj gazetoj kaj kunredaktoro de „Bulgara Esperantisto".

Post la milito li estas ĉefredaktoro de departamenta gazeto „Oteĉestven Zov" en urbo Vraca, denove redaktoro de „Bulgara Esperantisto", kunredaktoro de la revuo „Internacia Kulturo" kaj samtempe ĉefsekretario de Bulgara Esperanto-Asocio. Proksimume 15 jarojn li laboras kiel oficiĝita redaktoro en la ĉefa landa ĵurnalo „Rabotniĉesko delo", redaktas revuon „Laborista-Kamparana Korespondanto" kaj aliajn apartajn Esperanto-gazetojn. Jam 25 jarojn li estas membro de CK de Bulgara Esperanto-Asocio.

En 1956 s-ano Esperov fariĝis membro de TEĴA kaj post unu jaro estas membro de la estraro de la ĵurnalista E-asocio. Antaŭ 14 jaroj li fondis kaj ĝis nun redaktas nian organon „Internacia Ĵurnalisto" malgraŭ la multnombraj malfacilaĵoj, kiujn li renkontas tiudirekte. En la jarkunveno de TEĴA en Budapeŝto (1966) oni elektis lin kiel sekretarion de la Asocio.

Ni salutas nian ĉefredaktoron kaj bondeziras al li longedaŭran kaj pli feliĉan vivon kaj energion kontraŭbatali la estontajn obstaklojn, obstine labori por Esperanto, por paco kaj interpopola amikiĝo.

**M. Conkovski**

*ALTGRADA ORDENO POR ESPEROV*

*La Prezidantaro de la Bulgara Parlamento distingis la ĉefredaktoron de „I. Ĵ." Ivan Keremidĉiev-Esperov per la altgrada Ŝtatordeno „9-a de Septembro" — unua grado okaze de la 60-a datreveno de naskiĝo kaj pro liaj meritoj en la batalo kontraŭ la faŝismo kaj aktiva socia kaj ĵurnalista agado.*

## *PLI GRANDAN ATENTON AL T. E. J. A. KAJ AL LA FAKAJ E-ORGANIZAĴOJ!*

*Ekde sia refondiĝo — jam ĉirkaŭ 20 jaroj — nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio per ĉiuj siaj agoj, entreprenoj kaj laboro manifestis sian fidelecon kaj kunlaboremon al la Universala Esperanto-Asocio, al ĝia statuto kaj neŭtraleco. Ekde sia refondiĝo Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio aprobadis kaj subtenadis ĉiujn organizajn kaj propagandklerigajn kaj aliajn internaciajn kampanjojn de UEA, TEĴA kaj ĝiaj estraro kaj membroj laboradis por la efektivigo de la entreprenitaj taskoj kaj celoj de Universala Esperanto-Asocio. Por la realigo de la entreprenoj de UEA, TEĴA fariĝis kunlaboranta de UEA Asocio. Eĉ la paĝoj de la organo de TEĴA — „Internacia Ĵurnalisto" estas ofte disponigataj al materialoj de UEA, de CED kaj la Informa fako de UEA ktp. Por subteni la informan laboron de UEA nia asocio sendis nomaron de ĉiuj aktivaj ĵurnalistoj - teĵanoj al UEA kaj multaj el ili nun estas ĝiaj respondecaj informantoj. Aparte per sugestoj en „Internacia Ĵurnalisto" ni admonis plurfoje la membrojn de TEĴA kaj la abonantojn de nia organo fariĝi membroj de Universala Esperanto-Asocio, fariĝi ĝiaj aktivaj informantoj kaj utiligantoj de ĝiaj informoj ĉiuspecaj. Tiajn sugestojn la estraro faris ankaŭ dum ĉiuj jarkunvenoj de TEĴA.*

*Tiel rilatis TEĴA al UEA kaj ĝiaj entreprenoj. Tiel ĝi rilatas ankaŭ nun. Kaj per siaj agoj, kaj per siaj gazetmaterialoj TEĴA subtenadis la unuecon de la Tutmonda Esperanto-movado, tiel batalis kontraŭ la tendencoj de ies ajn displetiĝa agado ktp.*

*Ĉielmaniere TEĴA apogis speciale la informan fakon kaj agadon de UEA. Eĉ en la ĉi jara dua n-ro de „Internacia Ĵurnalisto" (antaŭkongresa) sur la dua paĝo aperis la letero, subskribita de la prezidanto de UEA prof. d-ro Ivo Lapenna, adresita al la kunlaborantaj kaj aliĝintaj asocioj, kopie al komitatanoj kaj observantoj de UEA pri la kunvokita dumkongresa kunveno, kie raportis d-ro Lapenna kaj d-ro Sadler.*

*TEĴA intencis pli aktive subteni ankaŭ la specialan kunvenon kun la ĵurnalistoj, informantoj k. a., gvidita de s-ro Günter Becker, ĝenerala sekretario de UEA, sed oni ne serĉis la helpon de la ĵurnalistoj kaj ilia estraro.*



Sen vortoj . . .



Denunco . . . per letero en la botelo

*Tiel meminiciate la jurnalista faka asocio, ĝia estraro, ĝia organo kaj redaktoro rilatas al UEA, kunlaboras kun ĝi, subtenas ĝin, eĉ sen la peto kaj admono de la estraro de UEA.*

*Bedaŭrinde, ne tiel rilatas UEA al TEĴA, aŭ ĝuste — ĝi ne interesiĝas pri la Ĵurnalista Asocio kaj ĝia laboro. Ankoraŭ pli ĝuste — ĝi preskaŭ neniam serĉis la helpon kaj la kunlaboradon de TEĴA, respektive de ĝia estraro kaj de la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto". Neniam UEA sendis specialan leteron al la TEĴA-estraro por peti helpon, por admoni kunlaboradon ktp. Ĉiuj cirkuleroj kaj cirkuleraj leteroj de UEA, adresitaj (preskaŭ ĉiam) ankaŭ al TEĴA kaj la ĵurnalistoj, ofte restas sen reehoj, ĉar estas cirkuleroj kaj ne apartaj specialaj leteroj al TEĴA, kiuj — malgraŭ unufoje dum unu jaro skribitaj—elludus pli gravan rolon kaj donus pli bonajn rezultojn ol 20 presitaj cirkuleroj. Vere, foje ni (TEĴA) ricevis similan speciale adresitan al la estraro de TEĴA leteron, sed ĝi temis pri la nepagita niaflanke kotizo al UEA.*

*Do — TEĴA ne petas helpon, sed deziras helpi al UEA, malgraŭ ke ankaŭ UEA povus apogi nian Asocion, helpi al ĝi. Ĉu UEA kaj la tutmonda Esperanto-movado ne deziras, ke ili havu solidajn, bone organizitajn fakajn k. s. organizaĵojn, vigle laborantajn en sia medio? Ĉu la E-movado ne gajnus tiamaniere? Kaj ĉu UEA ne devas interesiĝi pri la stato kaj agado de la fakasocioj? Aŭ pri ili devas interesiĝi nur IOE? Nia TEĴA nur unufoje petis helpon de UEA-estraro, kaj tia helpo estis rifuzita certe pro neebleco (temas pri la peto ke la estrara oficejo de UEA ricevu, provizore utiligu kaj rezervu la kolektitan membro- kaj abonkotizojn de TEĴA).*

*Interese estas ankaŭ tio — kial la ĉefaj gvidantoj de UEA neniam alparolas estraranojn de TEĴA kaj de aliaj asocioj, renkontante ilin multfoje dum Universalaj kongresoj de Esperanto? Kial la estraranoj de UEA per konvenaj demandoj ne montras—ne estimon al la fakaj kaj aliaj estraranoj — sed interesiĝon pri la agado de la kunlaborantaj al UEA E.-organizaĵoj?*

*Kaj—fine — pri la preskaŭ senrezulta faka kunveno en Vieno de la informantoj de UEA-ĵurnalistoj, redaktoroj k. a., kiun gvidis s-ro G. Becker. Unue — ĝi estis malbone vizitita pro kulpo de ĝiaj organizantoj. Due — en sia raporto s-ro Becker konstante menciis pri la grava signifo kaj laboro de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kaj aparte de la esperantistoj-ĵurnalistoj. Sed fakte li subtaksis la ĵurnalistan organizaĵon. Ĉar, malgraŭ la peto kaj insisto de la oficiala reprezentanto de TEĴA, ke oni donu al li la parolon ne en la fino de la kunvenlaboro por eldiri la kompetentan opinion de TEĴA kaj de la profesiaj ĵurnalistoj, la gvidanto de la kunveno s-ro Becker permesis al li (intence) paroli laste, kiam ĉiuj ĉeestantoj foriris kaj restis kelkaj (3—4) personoj.*

*S-ro Becker eble scias, ke tiu reprezentanto de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio estas ĝia sekretario kaj ĉefredaktoro de ĝia organo „Internacia Ĵurnalisto". Ke li — Ivan Keremidĉiev - Esperov esperantistiĝis antaŭ 45 jaroj kaj havas 40-jaran senĉesa de sperton Esperanto-gvidanto kaj organizanto — enlanda kaj internacia. Kaj ke li havas ankaŭ tiomjaran aktivan profesian ĵurnalistan sperton.*

*Do — kiam unu el la plej spertaj ĵurnalistoj, gvidanto de ĵurnalista organizaĵo, devis diri sian opinion, doni sugestojn kaj rekomendojn, rakonti valoran ĵurnalistan multjaran sperton, oni donis al li eblecon fari tion antaŭ malplenaj seĝoj.*

*Ni ne havas intencon kritiki, sed nur montri erarojn, kiujn la estraro de UEA devas forigi. TEĴA estis kaj estonte restos fidela kunlaboranto kaj helpanto de UEA. La lastatempa favora decido de CO de UEA, per kiu ĝi konsideras nian lupagon (por la kunvena ĉambro en la viena kongresejo) kiel kotizon de TEĴA al UEA, estas ripetinda kaj salutinda paŝo al pli bona rilato de UEA al la fakaj organizaĵoj kaj speciale al nia Asocio.*

---

*LA ESTRARO DE TEĴA KAJ LA REDAKCIO DE „INTERNACIA ĴURNALISTO" TUTKORE GRATULAS LA MEMBRARON DE NIA ASOCIO KAJ LA ABONANTOJN DE „I. Ĵ." OKAZE DE LA NOVA 1971 JARO KAJ LA FESTOTAGOJ. 1971 ESTU FELIĈA, FRUKTODONA KAJ PACA POR ĈIUJ KOLEGOJ KAJ AMIKOJ DE ESPERANTO!*

## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO — CENTRA OFICEJO

**Al: Radio-stacioj kaj Esperanto-gazetoj**
**Por informo al: La Estraro de UEA kaj ricevantoj de „Unesko-Novaĵoj"**
**Pri: La bulteno „Informa Servo de UEA"** **26-an de okt. 1970**

**Estimataj kunlaborantoj,**

**En junio de 1968 ni komencis sendi al vi ĉiumonatan bultenon sub la titolo „Informa Servo de UEA", en kiu ni prezentis en prespreta formo aktualajn sciigojn pri la agado kaj atingoj de UEA, ĝiaj centraj organoj, landaj kaj fakaj asocioj, specialaj servoj, delegita reto ktp. Iom poste ni enkondukis en nian gazeton „La Praktiko" novan rubrikon „UEA en la praktiko", sub kiu aperadis plejparte la sama materialo, ĉerpita el la „Informa Servo".**

**Konstatinte, ke tiu kutimo signifas duoblan laboron, ni decidis ĉesigi la apartan eldonadon de la multobligita bulteno „Informa Servo de UEA" kaj anstataŭe regule sendi al vi de nun la gazeton „La Praktiko". Sur ĝia antaŭlasta paĝo vi trovos ĉiumonate aktualajn informojn pri nia agado.**

**Ni kore invitas vin libere represi en viaj gazetoj aŭ disaŭdigi per viaj ondolongoj la informojn sub la rubriko „UEA en la praktiko". Ili estas ĉiam redaktitaj en konciza, facila stilo, kaj tial via redakta laboro estos minimuma. Se vi deziras represi iun el la bildoj uzitaj sub tiu rubriko — aŭ aperigi alispecan bildon — ni ĉiam faros nian eblon por servi al vi per nia ampleksa foto-arĥivo.**

**Fine, ni atentigas, ke sub la nova redaktoro, s-ro Franko Luin, la gazeto „La Praktiko" ricevis ankaŭ novan presstilon kaj grafikan aspekton. Ni permesas al ni sugesti, ke estus konvena momento por mencii aŭ recenzi la gazeton en via gazeto aŭ radio-elsendo.**
**Kun anticipa danko pro via plua kunlaboro.**

**V. Sadler, Direktoro de la C. O.**

---

### Nova gazeto kun esperanta rubriko

Kiel oni scias, en la pola urbo Bydgoszcs aperas la gazeto „Ilustrowany Kurier Polski". En ĝi, sub la gvido de nia bona kolego red. K. Malyck, regule aperas por kaj priesperantaj materialoj sub speciala rubriko. Nun ankoraŭ unu gazeto (ĉiutaga vojevodia) „Dziennik Mieczorny", disvastigata en 50 000 ekz., ekde 3-a de septembro enkondukis ĉiusemajnan rubrikon „Esperanto hodiaŭ" redaktata kaj gvidata de s-ano Roman Rutkowski.

### Esperantski vesti (Esperantaj informoj

estas la titolo de la nova informa priesperanta bulteno, eldonata de Bulgara Esperanto-Kooperativo. Aperis la unua n-ro 1970 en 14 paĝoj kun kovrilpaĝoj — en bulgara lingvo. La bulteno estas destinita por la bulgara gazetaro kaj aliaj institutoj.

***Belartaj Konkursoj 1971***

*Ĉiuj UEA-membroj aŭ la kongresanoj, kiuj havas talenton por la belartaj branĉoj - poezio, prozo aŭ teatraĵo, estas invitataj konkursi sub aŭspicio de UEA kaj gajni unu el la premioj. Petu detalojn de la sekretariino s-ino Emilija Lapenna, Nova Ves 32/III, Zagreb, Jugoslavio. La limdato estas la 31-a de marto 1971.*

***Radio Gdańsk en Esperanto***

*Pola Radio Gdańsk rekomencis disaŭdigi en Esperanto. La unua programo okazis vendrede, la 23-an de oktobro je la horo 23,40 laŭ la tempo de Greenwich sur jenaj ondlongoj: 230, 278, 1322 m. Ĝi estis dediĉita al la nov-kreita Gdańska Universitato kaj la rekonstruita Ĉefkvartala Urbodomo. Ĝi daŭris 8 min. La ripeto estis aŭdebla la sekvintan tagon, la 24-an de oktobro je la horo 12,30 sur kurtondoj 19,8, 30,8, 31,1, 31,4, 41, 48, 49 m kaj sur la ultrakurtondo de 66,29 MHz.*

*Postaj disaŭdigoj okazados ĉiun duan vendredon, la ripetoj ĉiun duan sabaton je la samaj horoj kaj sur la samaj ondlongoj.*

### La Estona Radio en Esperanto

Ankaŭ la Estona Radio enkondukis Esperanton en siajn dissendojn ĉiun antaŭlastan vendredon de la monato. Adreso: Estona Radio, Esperanto p. k. 402 Tallinn, Sovetunio.

***Estas maldece ricevi gazeton sen pago de abonkotizo. Tial bonvolu tuj pagi vian kotizon por la forpasinta jaro kaj antaŭpagi por 1971. Pagu al la redakcia adreso aŭ al via landa komitatano aŭ reprezentanto de TEJA!***

### ELDIROJ PRI LIBROJ

*Libroj regas la mondon.*

***

*Bona libro estas pli stabila, ol busto.*

***

*„Domo, en kiu forestas libroj, similas kal orpo sen animo.“*

M. Cicerono

***

*„Verki dum la vivo unu bonan libron estas tro sufiĉe“.*

Leo Tolstoj

***

*„La legado estas plej bona lernado“*

A. Puŝkin

***

*„La bona libro, kiel bona socio, klerigas kaj nobligas sentojn kaj morojn“*

M. Pirogov

***

*„Sen libro — en la mondo nokto, sen libro — ĉie nur obskuro. . .“*

V. Jugo

***

*„La vortoj estas enkatenigitaj, sed, feliĉe, la sonoj ankoraŭ estas liberaj“*

Poeto Kufner al Bethoven

### POPOLDIROJ KAJ PROVERBOJ

*Sen emocio, sen fervoro ne atendu ĝojon dum laboro*

***

*Bone faru, ne rapidu, por ke kokinoj ne priridu.*

***

*Ne fenestroj kaj ne lukoj— plibeligas domon kukoj.*

***

*Iras glate, iras glite, iras kiel oleite.*

***

*Por gajni kuron kun honoro — pruntu piedojn de leporo.*

***

*La plej bona kompaso estas la propra nazo.*

***

*Al malsata baptano misvidiĝas nur pano.*

***

*Ne povas eĉ sesbova grupo forŝiri lin de ŝia jupo*

***

*Domo alta kaj agrabla, sub la domo tamen — sablo*

***

*Ĉiu Sem kaj ĉiu Rem sole penas por si mem.*

***

*Por kolera natajlo — ĉiu homo kanajlo.*

*Kompilis kaj tradukis;*

A. LOGVIN

*Moskvo, 1970*



**Generalo Nguyen Ngoc Loan, ĉefo de la sudvietnama polico mortpafas gvidanton de partizana taĉmento. La foto (de Edwards T. Adams, Associated Press, U. S. A.) montras la momenton kiam la kuglo ĵus eniris la kapon de la viktimo. La foto gajnis unuan premion en konkurso.**

# INFORMOJ — SCIIGOJ — NOVAĴOJ

**La buso ankaŭ sur poŝtkarto**

Jen aperis speciala poŝtkarto okaze de la 56-a UK, bildiganta la konatan londonan aŭtobuson laŭ originala desegnaĵo de K. T. Bartoŝik.

La prezo de 5 ekzempleroj estas 1,- gld (por Nederlando 1,12 gld) plus la kutimaj sendokostoj. Al pokvanta mendo aplikiĝas 33% rabato. La mendojn administras la Libroservo de UEA, Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam — 3002, Nederlando.

**„Jen Londono"**

Libron pri la sciindaĵoj de Londono oni tradukis en Esperanton speciale por la Universala Kongreso. „Jen Londono" estas la titolo, kaj ĝi aperos en bone konata serio „Ladybird". La libro estos havebla por la kongresanoj en 1971.

**Korekto.** Pro teknika eraro, en la fruntartikolo en n-ro 3 de „I. Ĵ." estas preterlasita la nomo de ĝia aŭtoro Dimitr Georgiev.

Korespondemuloj kiuj deziras interrilatiĝi kun italaj gesamideanoj kaj pro tio aperigi senpage korespondanoncon skribu tiun deziron al direktoro de „La Lingua Internazionale esperanto" Prof. Corrado CERRI-CALZONI, Casella Postale 159, I-13051 BIELLA (Italujo). Kiu aldonos pr-kuponon ricevos numeron de LI-espo, en kiu estas presita la anonco.

**NIA POŜTO**

Adolf Stanura, Ostrava — Paruba, Ĉeĥoslovakio. — Dankon pri la averto. Ni prenis noton.

A. Logvin, Moskva, USSR. — Ankoraŭfoje dankon pro la bondeziroj kaj kontribuaĵoj.

**ŜANĜO DE ADRESOJ**

C. Filding, 1, Church Rd., Horfield, Bristol 7, Anglio.

Dr. Márton Lajos, Hajnóczy u 2, Budapeŝt XII, Hungario.

La Redakcio de „I. Ĵ." petas la membrojn de TEĴA kaj la abonantojn de nia revuo tuj avertadi la redakcion pri ĉiu ŝanĝo de siaj adresoj.

**Ĉiuj membroj de T.E.Ĵ.A. estas petataj tuj sendi sian membro- aŭ abonkotizon por la pasintaj kaj por la nuna 1970 jaro al la komitatanoj, al la reprezentantoj de T.E.Ĵ.A. aŭ rekte al la redaktoro de „Inrernacia Ĵurnalisto"! Oni povas pagi sian membro- aŭ abonkotizon ankaŭ rekte al la funkcianta sekretario-kasisto de TEĴA s-ano Dino Fabris, Borgo Bassano, Cittadella (Paduva), Italio. Por ĉiaspecaj informoj pri TEĴA oni bv. sin turni ankaŭ al s-ano Fabris.**

**Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, buiv. Hristo Botev 98**
**Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04**
**Redaktoroj: M. Conkovski kaj R. Konstantinova**